# TABELO DE ENHAVO



**Sur la kovrilo:** *Eksplodo de la vulkano Eyjafjallajokul en Islando aprilo 2010*

# ENIGMO

# LA ADULTULINOJ DE SAMARKANDO

de Sen Rodin (Italio)

**Vere malfacila enigmo**

***LA DATUMOJ***

a: Ĉiuj samarkandanoj firme kredas, ke la Kalifo Abda-Din, anstataŭanto de Mahometo, ĉiam diras la veron, kaj ili senhezite obeas liajn ordonojn.

b: Ĉiu samarkanda edzo havas nur unu edzinon.

c: Laŭ la samarkanda (kaj itala) moralo, nur la ina estas vera adulto, dum la vira estas nur bagatela frivolaĵo.

ĉ: Ĉiu samarkandano konas la urbajn adultulinojn; tamen ĉiu edzo nenion scias pri sia propra edzino, t.e. li ne scias ĉu ŝi adultas aŭ ne.

d: Ĉiu samarkandano eminentas pri logiko.

e: La samarkandanoj neniam interparolas pri adultoj.

***LA EVENTO***

**Unu t**agon la Kalifo Abda-Din afiŝigis la jenan edikton:

*En nia sankta urbo bedaŭrinde ankoraŭ nestas la adulto. Tial, je la nomo de Alaho, mi ordonas: ĉiu edzo kiu ekscias pri la malfideleco de sia edzino devas — por eviti eternan kondamnon — tuj senkapigi ŝin, kaj dumnokte demeti ŝian kapon sur la moskean placon.*

La Kalifo Abda-Din

La samarkandanoj legis, silente pripensis, silente revenis hejmen. Dum kvin semajnoj neniu kapo aperis sur la moskea placo. Sed la matenon de la 36-a tago post la publikigo de la edikto, la samarkandanoj trovis tie 36 detranĉitajn virinajn kapojn. Ĉiuj murmuris : “Jen, la Kalifa volo estas plenumita” kaj silente revenis hejmen.

**Kiamaniere tio povis okazi ?**

(Solvo sur paĝo 8)

---

# KELKAJ INTERESAJ DATOJ

Konfuceo vivis: 551AKE–479AKE
Platono vivis: 428/427AKE–348/347AKE
Aristotelo vivis: 384AKE–322AKE
Eŭklido vivis ĉ. 300AKE
Arĥimedo vivis ĉ. 287AKE–ĉ. 212AKE
Cicerono vivis 106AKE–43AKE

kompilis Donald Broadribb

# IOM DA TURISMO KAJ ĜIA MITOLOGIO

## La monto-“piramido” Rtajn

tr. Mirić Jadranka [Serbio]

*[el serba teksto, de kunlaborantoj de la serba gazeto **Alo**-2009]*



Monto Rtanj

Kolonio Rtanj estas malnova minloko, loĝata de multnombraj min-familioj. La mino estis fermita antaŭ pli ol 20 jaroj. En la centro de la kolonio hodiaŭ troviĝas turismejoj, kun ĉirkaŭ 200 litoj. Ĉiujare en Junio, precize la 7-an de Junio, oni festadas tradician feston: rikoltadon de sanigaj rtanjaj herboj. Estas tre konata rtanja herbo el kiu oni faras sanigan teon, oni diras pli bona ol “Vira akvo”. Oni diras ke la rtanjaj herboj krom ĉi tie kreskas sur montego Olimpo en Grekujo. Suprengrimpado ĝis la Akra Pinto de Rtanj-montaro okazas en du etapoj: la unua etapo iras tra malĉiamverda arbaro, bonege markita de alpistoj. La eliron de la arbara etapo kaj komencon de la herbeja parto oni nomis *Babe*. Poste venas la dua etapo de suprenirado, estante tre herboriĉa kaj rifa. Ĉiu daŭrigonto al la pinto mem devas elekti kiun flankon de la monto supreniri. Sude troviĝas malbona ĉara vojo, sed per hodiaŭaj grandegaj veturiloj oni povas atingi la pinton.

La norda flanko de la monto estas plej alloga sed ankaŭ tre danĝera. Tie vi

povas vidi ruinojn de de iama rtanja preĝejeto. Hodiaŭ restis nur spuroj de la kapeleto kaj ĝia nura muro ĉe la orienta flanko. La kapeleton konstruigis la edzino de Julius Minh en 1932, dediĉinte ĝin al sia edzo. Ĝi estis preĝejo de Sankta Georgo - *Sveti Đorđe*.

Laŭlonge de la norda flanko de Rtanj-montaro fluas Rivero Timok, verdire Nigra Timoko — *Crni Timok*, kiu ĉe Zaječaro kuniĝas kun Blanka Timoko *Beli Timok*, farante Grandan Riveron Timok. Do Nigra Timoko Crni Timok fontas el abismo ĉe vilaĝo Krivi Vir, kie troviĝas kavo nomata Jovanka. Laŭ legendo, iu malfidela edzino laŭ verdikto de sia edzo sin ĵetis en abismon. Homoj diras ke la rivero neniam senakviĝis pro abundaj rtanjaj fontoj.

Hodiaŭ homoj ofte vizitas la montaron ne nur pro alloga surgrimpado, nek pro rikoltado de fama rtanja teo, sed ankaŭ pro *snowboardo* kaj *paraglajdado*!

Krome loĝantoj de Timoka Kraino kredas ke nia Rtanj-montaro estas mistika. Ili kredas ke ĝin vizitadis kaj daŭre vizitadas eksterteruloj, ĉar ĉi tie okazadis multnombraj nefacile klarigeblaj okazaĵoj. Ekz: aviadiloj flugantaj super Rtanj-montaro perdas siajn spurojn sur radaro, homoj vidis kaj ofte vidas miraklaĵon kiaj brilaj flugantaj buloj.

## *Iom da fantazio*

### **Rtanj: ĉu serba piramido?**

Rtanj-montego troviĝas en la orienta parto de Serbio. Kaj Serbio situas sur balkana duoninsulo. Do en Eŭropo. Ĝi apartenas al la montaro Karpatoj. Ĝia plej alta pinto nomata "Akra Pinto" – *Šiljak* — altas 1565 metrojn.

La direktoro de la Centro por Esplorado kaj de Ekologio *Duh Rtnja* (*"Spirito de Rtanj"*) asertas ke la montego estis konstruita antaŭ kvincent miloj da jaroj! Grupo de esploristoj kun gvidanto Saša Nadfeji kredas ke sub la montego troviĝas triflanka piramido havanta simetrian rilaton de flanko-longeco, tute indenta kun la Luna Piramido en Meksiko.


La Piramido de la Luno en Teotihuacán, Meksiko

Arthur C. Clarke, fama verkinto de *2001—Spac-Odiseo,* certigis ke Rtanj prezentas restaĵon de prapiramido. La sciencfantaziajn rakontojn pri la montego ekvarmigis geografia mezurado de la distanco inter "piramido" en Visoko kaj la "serba piramido". Satelita reproduktaĵo kaj aliaj mezuradoj montris ke inter la du konstruaĵoj la distanco estas 300 kilometroj, kaj troviĝas je duono de la vojo kie kuŝas la interkrutejo Ovčarsko-Kablarska. Mezurado

fare de la Centro por Esplorado kaj Ekologio, "*Spirito de Rtanj*", efike influis scienculojn por sendube konfirmi ke ĉi tie iam oni konstruis organize laŭ plano piramidon. Ili supozas ke la piramidon konstruis "Unio de Galaksiaj Civilizacioj".



La Visoka Piramido

Saŝa Nađfeji estas responsa direktoro kaj unu el fondintoj de la Centro. Li asertas ke sub la montego Rtanj troviĝas lagoj, tre gravaj por energio de piramido. Profesoro doktoro Zoran Kocić, ano de la serba teamo, per ilo farita laŭ patento de fama Nikola Tesla, diagnozis subterajn kavojn en Visoko. Saŝa Nađfeji akcentas ke la montego Rtanj estas triflanka asimetria piramido. La plej longa flanko de la piramido etendiĝas norden. Ĝi estas 3 kilometrojn longa, la sudokcidenta flanko estas 1,5 kilometrojn longa, dum la sudorienta flanko estas 0,75 km. Estas rimarkinde ke la reprezentita rilato estas 4:2:1 — la sama rilato troviĝas en la diferenco de la supermara alteco de la komencaj flankoj kaj la finaj. Rtanj ne nur havas oblikvaĵon saman kiel tiu de La Piramido de la Luno en Meksiko sed ankaŭ la samajn angulojn kiel la piramido de Keopso en Egipto. Esploristo Saŝa Nađfeji certigas ke oni konstruis nur tri triflankajn piramidojn sur Tero. Unu el ili estas Rtanj, la dua troviĝas en Antarktiko, kaj la trian "englutis tero". La plej olda civilizacio sur Tero konstruis ilin laŭ sia kultura disvolviga nivelo, dum triflankaj piramidoj helpadis en suprenigado de spirita energio. Poste oni konstruis kvarflankajn piramidojn. Laŭ li la sanigeca efiko de la fama rtanja teo, kaj abunde kreskanta naturo ĉe "la tegmento de Serbio", klariĝas per "čvorištem" — nodpleneco de energio, kiun Rtanj emisias.



La antarkta "piramido"

Interfrapiĝo de pozitiva kaj negativa organika energio venas ĝis reakcioj kiuj efike influas homojn, bestojn, kaj

ĉirkaŭaĵon. Famaj brilbuletoj, vidataj dum jarcentoj, ekestis kiel rezulto de malŝarĝiĝo de Rtanj pro tia energia enigado.

Kaj kion diras la lokanoj? Ili dispartiĝis. Iuj priridas la asertojn pri eksterteruloj, aliaj parolas jene: Dragoslav Milenović Šou parolas pri entombigita faraono, kia estis egipta Dio Oziriso, aŭ iliria reĝino Teuta, kaj aparte pri unu tre potenca faraono kiu eterniĝis en la ora ŝipo! Se iuj provos eniri la piramidon, ili pereos samkiel pereis multaj serĉantoj por trezoro el egiptaj piramidoj. Li estas porbatalanto de la ideo pri eksterteruloj! La dua rakontanto asertas al ni ke sub la montego Rtanj troviĝas lago, kaj fervore agas por esplorado kaj elfosado de la montego.

De sur ĉiuj montaroj troviĝantaj en la centra parto de Serbio, konata kiel Šumadio, videblas ĝia akra kapo. Ĉe ĝiaj piedoj kuŝas la urboj Boljevac kaj Zaječar. Se la vetero estas bela kaj la videbleco klara, estas vidindaĵo etendiĝanta al la orienta flanko kie fluas riverego Danubo. La suda parto estas rezervita por la vidinda ĉeno de olda montaro Stara Planina. Oni povas vidi kelkajn urbojn de Timočka Krajin: Boljevac, Soko banloko, Zaječar, samkiel videblas vilaĝoj en ties ĉirkaŭaĵoj. En ĝia ĉirkaŭaĵo troviĝas banloko Gamzigrad kaj ĝia fama Cara Palaco – Romuliana (el la kvara jarcento KE).

---

## ŜERCO

Petro Invitis sian patrinon veni por preni parton en vespermanĝado. Dum la manĝado la patrino rimarkis, ke Johanino, la junulino, kun kiu Petro dividas la loĝejon, estas belega.

Dum la vespero ŝi rigardis la du gejunulojn kaj scivolis, ĉu estas io pli intima inter la du ol ŝi rajtus scii. Demandite Petro diris: ”Mi certigas vin, ke Johanino kaj mi estas nur kunloĝantoj ĉi tie.”

Proksimume unu semajnon poste, Johanino diris al Petro: “Ek de kiam via patrino kunmanĝis kun ni, mi ne povas trovi la fritilon, ĉu vi supozas, ke via patrino akcidente kunprenis ĝin kun si, kiam ŝi foriris?”

“Nu, mi tion dubas, sed mi sendos al ŝi retmesaĝon nur por certiĝi,” respondis Petro.

Li skribis: “Kara Patrino, mi ne diras, ke vi prenis la fritilon for de mia luloĝejo, kaj mi ne diras, ke vi ne forprenis ĝin, sed restas la fakto ke ĝi estas netrovebla ek de kiam vi estis ĉi tie por vespermanĝi. Elkore, Petro.

Plurajn tagojn poste venis retmesaĝo de lia patrino: “Kara Petro, mi ne diras, ke vi amoras kun Johanino, kaj mi ne diras, ke vi ne amoras kun ŝi, sed la fakto estas, ke se ŝi dormus en sia propra lito, ŝi estus trovinta la fritilon antaŭ longe. Elkore, Panjo.” **[el *Tamen Plu* decembro 2009]**

# SOLVO

## de la Enigmo sur paĝo 3

### La Adultulinoj De Samarkando

Ni disdividu la samarkandajn virojn en tri grupojn:

**A:** la fraŭloj

**B:** la edzoj ne-kokritaj (nome, kun fidelaj edzinoj)

**C:** la edzoj kokritaj (nome, kun malfidelaj edzinoj)

**A** konas kun certeco ĉiujn adultulinojn. Ili vivas pace, senzorge kiel papoj.

**B** kaj **C** konas la adultulinojn, sed vivas kun ĉiama dubo: "ĉu ankaŭ mia edzino estas adultulino, aŭ ne?" Tial ili ofte suferas je stomaka ulcero.

**Unua Supozo** — En Samarkando troviĝas *unu* adultulino. La ununura kokrito **C** scias pri *neniu* adultulino (ĉar li nenion scias pri sia propra edzino). Leginte la edikton li logike rezonas: "Ĉar la Kalifo asertas, ke en nia urbo ankoraŭ nestas la adulto, certe ekzistas almenaŭ unu adultulino. Mi scias pri neniu adultulino, *do tiu certe ekzistanta adultulino estas necese mia edzino, pri kiu mi nenion scias*". Akirinte tian certecon, li revenas hejmen kaj tuj senkapigas ŝin; dumnokte li demetas la kapon sur la moskean placon. Tial la unuan tagon post la edikto aperas surplace unu kapo. La fraŭloj **A kaj** la edzoj **B** konas la "ununuran" adultulinon (sed nenion scias pri siaj propraj edzinoj). Leginte la edikton ili logike rezonas: "Se mia edzino estas fidela, en la urbo ekzistas nur unu adultulino: tiu kiun mi konas. Tiukaze ŝia edzo, leginte ĉi edikton, tuj komprenos la veron kaj senkapigos ŝin. Tial, por akiri certecon, mi atendu ĝis morgaŭ matene: se ŝia kapo aperos surplace, tiam mi ekscios, ke vere ekzistis nur *unu* adultulino, kaj ke mia edzino estas fidela. Se neniu kapo aperos, tiam mi ekscios, ke en la urbo ekzistas *unu plia dua adultulino*, pri kiu mi ne scias tion. Tiu devas esti mia edzino, pri kiu fakte mi nenion scias, do mi devus senkapigi ŝin".

La fraŭloj **A** ĉion scias kaj kviete atendas kiel papoj.

**Dua Supozo** — En la urbo ekzistas *du* adultulinoj. La du edzoj **C** scias pri **unu** adultulino, ĉar pri sia propra edzino ili nenion scias. Leginte la edikton ili ambaŭ logike rezonas: "Mi konas **unu** adultulinon. Se ŝi vere estas la sola, la unuan tagon ŝia kapo aperos surplace. Se neniu kapo aperos, tio signifos, ke *ekzistas unu plia adultulino kiun mi ne konas*: necese tiu estus mia edzino, pri kiu mi nenion scias; do mi devos senkapigi ŝin". La unuan tagon fakte aperas neniu kapo; tial ĉiu el la du edzoj **C** akiras certecon pri la malfideleco de sia edzino, do li tuj revenas hejmen, senkapigas ŝin kaj dumnokte demetas ŝian kapon surplacen. Tial la duan tagon post la edikto aperas surplace du kapoj.

La edzoj **B** konas **du** adultulinojn kaj, leginte la edikton, logike rezonas: "Se vere ekzistas nur la du adultulinoj, pri kiuj mi scias, iliaj kapoj aperos surplace la duan tagon, kaj mi ekscios, ke mia edzino estas fidela. Se tiam neniu kapo

aperos, tio signifas, ke ekzistas *unu plia tria adultulino*, pri kiu mi ne scias: tiu necese estas mia edzino, pri kiu fakte mi nenion scias, kaj mi devos senkapigi ŝin. Do por akiri certecon mi atendu la duan tagon".

La fraŭloj **A** ĉion scias, kaj kviete atendas kiel episkopoj.

**Tria, Kvara, Kvina ... Supozoj** — Pro la sama logika procedo, se la adultulinoj estas tri, la trian matenon aperos tri kapoj, la kvaran tagon kvar kapoj, ktp.

**La Reala Situacio** — La adultulinoj estas 36. La fraŭloj **A** tion scias kaj kviete atendas. La edzoj **B** konas **36** adultulinojn, sed gardas la dubon: "ili povas esti 37, *se mia edzino perfidas min*". Do ili nervoze atendas la 36-an matenon por scii, ĉu ili estas kokritaj aŭ ne. La 36 edzoj **C** konas **35** adultulinojn sed gardas la dubon: "ili povas esti 36, *se mia edzino perfidas min*". Do ili nervoze atendas la 35-an matenon por scii, ĉu ili estas kokritaj aŭ ne. La 35-an tagon neniu kapo aperas. La fraŭloj **A** neniel miras. La edzoj **B** konservas la dubon kaj nervoze atendas la postan matenon. Sed por ĉiu el la 36 edzoj **C** la manko de kapoj estas la pruvo, ke lia edzino perfidas lin. Do li tuj revenas hejmen, senkapigas ŝin, kaj dumnokte demetas la kapon surplacen. Tial la 36-an tagon post la edikto aperas surplace 36 kapoj.

Por **A** nenia surprizo. La edzoj **B** halelujas, ĉar konfirmiĝas ilia opinio, ke la adultulinoj vere estis 36, kaj do iliaj edzinoj estas fidelaj.

La edzoj **C** estas plenkontentaj, ĉar ili obeis la ordonon de la Kalifo kaj liberiĝis de la malfidela edzino. Tial ĉiuj murmuras: "Jen, la volo de la Kalifo estas plenumita" kaj silente revenas al siaj hejmoj.

---

# TERTREMOJ KAJ VULKANOJ

## *La skalo Richter*

| | | | |
|---|---|---|---|
| 7,0-7,9 | Grava | Povas severe damaĝi grandan terenon | po 18 ĉiujare |
| 8,0-8,9 | Gravega | Povas severe damaĝi multcent kilometran terenon | po 1 ĉiujare |
| 9,0-9,9 | Plej severa konata speco | Vastega, rezultigas damaĝon trans multmil kiolometroj, | po 1 en 20-jara periodo |

***En la kategorio 9,0-9,9:***

1960 05 22 - Ĉilio - 9.5
1964 03 28 - Prince William Sound, Alasko - 9.2
2004 12 26 - Sumatro-Andamanaj Insuloj - 9.1
1952 11 04 - Kamĉatko - 9.0
1868 08 13 - Arica, Peruo (nun Ĉilio) - 9.0

1700 01 26 - Caskadia Subducia Zono - 9.0 (=laŭlonge de la nordorienta bordo de Usono kaj la suborienta bordo de Kanado)

***En la kategorio 8,0-8,9:***

2010 02 27 - Okcidente de Maule, Ĉilio - 8,8
1906 01 31 - Okcidente de Esmeraldas, Ekvadoro - 8,8
1965 02 04 - Rat-Iinsuloj, Alasko - 8,7
1755 11 01 - Lisbono, Portugalio - 8,7
1730 07 08 - Valparasio, Ĉilio - 8,7
2005 03 28 - Norda Sumatro, Indonezio - 8,6
1957 03 09 - Andreanof Insuloj, Alasko - 8,6
1950 08 15 - Assa- Tibeto - 8,6
2007 09 12 - Suda Sumatro, Indonezio - 8,5
1963 10 13 - Kuril-Insuloj - 8,5
1938 02 01 - Banda Maro, Indonezio - 8,5
1923 02 03 - Kamĉatko - 8,5
1922 11 11 - Limo inter Ĉilio-Argentino - 8,5
1896 06 15 - Sanriku, Japano - 8,5
1687 10 20 - Lima, Peruo - 8,5

2010 04 6 - Islando: Tertremo - 3,7; vulkanerupcio plu daŭras

***Plej grandaj historie konataj vulkanerupcioj:***

| Jaro | Vulkano | Loko |
|---|---|---|
| 4650AKE | Monto Mazama | Oregon, Usono |
| 4300AKE | Kikai | Ryukyu-Insuloj, Japano |
| 1470AKE | Santorini | Grekio |
| 186KE | Taupo | Nov-Zelando |
| 260KE | Ilopango | Salvadoro |
| 536KE | Rabaul | Nov-gvineo |
| 850KE | Hekla | Islando |
| 1010KE | Baitoushan | Ĉinio-Koreo |
| 1783KE | Laki | Islando |
| 1815KE | Tambora | Indonezio |
| 1883KE | Krakatau | Indonezio |
| 1912KE | Katmai | Alasko |
| 1991KE | Pinatubo | Filipinoj |
| 2010KE | Eyjafjallajokul | Islando |

# RECENZO

## *Kvazaŭ ĉio dependus de mi*, de Trevor Steele.

343 paĝoj, broŝurita libro. Eldonis FEL en Antverpeno, 2009.
Recenzas Donald Broadribb

En *Mirmekobo* du praĉapitroj de ĉi tiu verko aperis, sub la titoloj "La averto" *Mirmekobo* 1 (aprilo 2008); kaj "La unua bildo" (*Mirmekobo* 6 (septembro 2009). Tamen la tuta rezultinta romano havas propran karakteron kaj ne nepre inkludas ĉiujn erojn el tiuj du praĉapitroj.

La intrigo de la romano:

*Kurt Lenz estis juna orfa germano frue en la 20a jarcento. Lia amiko Erich Schwalbe, nuntempe 94 jarojn aĝa, biografias lian vivon, kaj la biografio konsistigas la romanon. Lenz jam en sia juneco montris verkistan talenton, kaj iom post iom li sukcesis kiel artikolisto kaj fine kiel redaktoro. Diverskiale, Lenz estis politike maldekstrema, kaj dum la '20oj kaj '30oj li devas trovi vojon inter la subtenantoj de komunismo kaj la subtenantoj de faŝismo. Ni rigardas la disfalon de la germana socio post la Unua Mondmilito, la fuŝestablon de la Respubliko, la iom-post-ioman kaoson de la politika sistemo.*

*En la konstitucio de la Respubliko estis malgranda, sed fatala preskribo kion fari, kiam la nacia parlamento paraliziĝas pro nekapablo interakordi pri grava decido farenda. Tia situacio fojfoje okazas en ĉiu parlamento, kaj en diversaj nacioj la solvoj multe varias. Se la Kanceliero (≈ Ĉefministro) malakiras subtenon fare de la parlamento, la Prezidento rajtas maldungi la Kancelieron, nomumi novan Kancelieron, kaj regi per propraj dekretoj. Adolf Hitler tiel sukcesis esti nomumita Kanceliero, kaj facile akiris diktatorajn rajtojn.*

Do kvankam *Kvazaŭ ĉio dependus de mi* estas romanfikcio, ĝi sufiĉe realisme priskribas la eventojn kies rezulto estis la diktatoriĝo de Hitler.

Ni informiĝas pri personaj karakterizaĵoj de Hitler mem. I.a., ke li suferis pro tiam nekuracebla furz-malsano. Lia vegetarismo estis fiaska peno nuligi la furzoproblemon.

Trevor Steele ĉiam tre zorge kontrolas la veron de la sociaj kaj historiaj detaloj en siaj verkoj. Pro tio, ĉi tiu romano valoras precipe por instrui personojn naskitajn post ĉ. 1935 pri la krizoj en Germano kiuj rezultigis la Duan Mondmiliton. Trevor Steele ankaŭ komentas, plurfoje en la romano, ke la germanan faŝismon, kaj la evoluon de naziismo, facile malebligintus dum la 1920oj kaj 1930oj la okcidenta koalicio venkinta en la Unua Mondmilito, se ili observintus la postulojn en la Traktato de Versailles kaj plenumigintus la malrajton de Germanio reestabli grandajn armeon kaj armilaron.

Kiel ĉiam, la stilo kaj verkotalento de Trevor Steele garantias tre bone preparitan romanon.

# EKSTERORDINARAJ KONKRETAĴOJ

## Konstruaĵoj kaj skulptaĵoj tre unikaj




Publika biblioteko en  Kansas City, Usono



“La segisto” (1989. Amsterdamo)



“Polekso” (Parizo), skulptis 1965 César Baldaccini. Altas 12 metrojn.



“Kurantaj Kruroj” en Kanazawa (Japanio). Skulptis Ku BomJu



"Pac-Fontano" ĉe Katedralo de Sta Johano la Dia, en la urbo Nov-Jorko.
Skulptis Greg Wyatt, 1985



"Magia krano" (Cadiz)
[Estas akvotubo kaŝita en la akvofluo.]



“Pingvenoj” en Dundee (Skotlando). 2005 Skulptis Angela Hunter
La sama skulptisto ankaŭ faris aron da aliaj pingvenaj skulptaĵoj en la sama urbo.



En Salt Lake City, Utah (Usono)




“Charles La Trobe staras sur sia kapo”. Skulptis Charles Robb
(2004, Melburno; nun posedaĵo de Universitato La Trobe, Melburno, Aŭstralio)



“Familiarbo”, ceramika skulptaĵo de William Ricketts
(En Ĝardeno Ricketts, nun publika plenaera muzeo en Viktorio, Aŭstralio)



“Pisantoj” (Prago). Skulptis David Cerny, 2004. 210cm alta



Oficejoj de la Korbofabrikista Kompanio Longaberger, en Newark, Ohio (Usono)



“Mustangoj ĉe Las Colinas”, skulptaĵo el bronzo, de Robert Glen, en Irving, Texas (Usono)



“Igvanodonto” skulptita de Benjamin Waterhouse Hawkins in 1854
(Hawkins nur imagis la formon de Igvanodonto.) Plu staras, en Londono.

# ENIGMOJ

de Viglo (Italio)

## Divenludo 82: *La konformisma grumblemulo*

Ĉiam kontinue murmuras,
sed laŭflue daŭriganta.

---

## LITERPLEKTO 01: *Neutila zorgo*

*El la difinoj trovu vortojn, kies leteroj donos novan vorton per kunplektiĝo laŭ interkrampa indiko.*

Ekzemplo: (xx00xx00)
KORE + lega = KOleREga

Kiel ŝtipo solrestanta sur la kajo
staris la civitanoj kunigitaj
por tuj decidi certe al verdikto.
Cel' ilin subaĉeti ne sufiĉas
plenmano da metalaj ĵuvelaĉoj!

---

## DIVENLUDO 83: *Malfeliĉulo*

Siajn spurojn ĝi lasas forpasante,
ege sperta ĝi estas.
Do, demando nepras.
Kial estaĵo oportune tolerema
konsideron pli taŭgan ne meritas?
Eble.

---

## Cerbotiklilo 24: *Tricifera sumo*

| | | | |
|---|---|---|---|
| C | 1 | A | + |
| 3 | B | 0 | + |
| 1 | 1 | 3 | = |
| B | A | C | |

Kiujn unuciferajn nombrojn oni devas anstataŭigi, laŭ logika kriterio, je la tri literoj en la ĉiapuda sumo? (La literoj ne povas alpreni la ciferojn 0, 1 kaj 3; plie, la suma rezulto devas esti tricifera nombro)

SOLVOJ SUR PAĜO 28.

# SKRIBARTO

# Historio de la skribarto

de Donald Broadribb

## Ĉinio

Malfacilas distingi inter simpla skiza bildo, en la praantikva epoko, kaj frua ekzemplo de skribo. Pro tio, ĉu aŭ ne la ĉisekva bildo el Ĉinio indikas skribaĵon, estas pridisputate:[1]



Testudoŝeloj el Ĉinio, ĉ.6500AKE



Kelkaj fruaj bildoj

Multaj ekspertoj diras ke la figuroj en la ŝeloj similegas al ĉinaj ideografiaĵoj uzataj plurmil jarojn poste (ĉ. 1500AKE). Tamen, pro la manko de trovo de tiaj ideografiaĵoj el la interaj jarcentoj, aliaj ekspertoj opinias ke temas nur pri hazardaj figuroj sensignifaj.



Ĉimaldekstre orakolosto el la Ŝang-dinastio (ĉ.1600AKE) Ĉina. La signoj sur la osto laŭaspekte similas al la testudaĵoj. Komence la kutimo estis varmigi la testudo-ŝelon aŭ la oston sufiĉe por parte krakigi ĝin. La orakolleganto rigardis la videblajn figurojn tiel aperigitajn, kaj interpretis ilin.

Laŭhipoteze, interpretado de tiaj orakolfiguroj iĝis tradicia, tiel ke la bildoj iom post iom akiris tradiciajn signifojn kaj estis la bazo por skriba sistemo.

[1] La fotoj estas el Wikipedia, 2010-5-25.



“Ĉu pluvos hodiaŭ?” tekstas ĉizitaj ideografiaĵoj.

Supozeble sur dekstra duono de la osto la orakolisto ĉizis respondon.

[La bildoj kaj detaloj estas laŭ la anglalingva Wikipedia 25 majo 2010.]



Kombinado de figuroj evoluis por montri konceptojn nefacile desegneblajn. Laŭ unu interpreto la ĉimaldekstra desegnaĵo sig–nifis “sunleviĝo”. La supra cirklo = suno; sub ĝi horizontala duoncirklo = luno; malsupre desegnaĵo signifanta “monton”.

Oni proponis ke el ĝi evoluis la ĉina signo

“sunleviĝo” [1]

---

## VINČA

Ĉe la rumania urbo Tărtăria en 1961KE oni trovis aron da nebakitaj argilaj tabuletoj, el kiuj tri havas gravuritajn signojn. Per radio-karbona ekzameno evi-dentiĝis ke ili dateblas de 5500AKE, do estas inter la plej antikvaj skribaĵoj ĝis nun konataj. Ili akompanis kadavron



[1] Laŭ http://www.chinavoc.com/arts/calligraphy/origin.asp

de viro.

Ĉu la signoj havas signifon? Malfacilas konkludi ke temas nur pri ornamaj signoj. Ofte oni sugestas ke temas pri ia indiko, ne plu konata, de eventoj aŭ aferoj rilatintaj al la mortinto. Povas esti ke el uzado de tiaj gravuraĵoj iom post iom formiĝis sistemo skribi tekstetojn. Tamen, ŝajnas al mi ke ĉar multloke en Eŭropo la arkeologio lante elterigas "fruajn" ekzemplojn de eblaj iamaj skribsistemoj, ni ne prave plu kredus, kiel ĝis nun, ke la skribarto ĝenerale inventiĝis nur ĉ. 3000-2000BKE.

## SUMERO

La sumeranoj estis loĝantoj en la regiono nun konata kiel Irako. Ili estis tie almenaŭ de ĉ.5500AKE. Ankaŭ ili komencis skribi per simplaj bildetoj jam antaŭ 3500AKE. Post kelkaj jarcentoj (ĉ. 2800AKE) ili uzis la bildetojn por indiki la sonon de la silabo(j) el kiu(j) konsistis la nomo de la objekto reprezentita de bildeto, kaj tiel konstruis silaban skribadon de ĉiaj vortoj. Alfabeton de individuaj sonoj ili neniam konstruis.

3200AKE 3000AKE 2400AKE 1000AKE
sag kapo
gin marŝi
šu mano
še hordeo
ninda pano
a akvo
ud tago
mušen birdo

La ĉiapuda bildo montras skribosignojn sumerajn, komence per desegnaĵoj en ĉ. 3200AKE, kaj fine en kojnoformo ĉ. 1000AKE. Kiam oni enkondukis skribadon sur argilaj tabuletoj, oni ekuzis kaneron, kies finaĵon oni tranĉis por fari kvazaŭklingeton, kiun oni premis en la argilan surfacon:



Per tio perdiĝis grandaparte la bildeco, sed eblis fari skribosistemon instrueblan en lernejoj kaj uzeblan por verki notojn, leterojn, raportojn, kc.

# EGIPTO

Proksimume samepoke kiel la sumeranoj, ankaŭ en Egipto oni komencis bildo-skribon, verŝajne ne sendepende de sumera influo. La du regnoj interkomerc-adis kaj veturado inter ili estis vigla. Tamen, la egipta skribosistemo evolus laŭ tre malsimila maniero. Dum en Sumero plejparte mankis papero sed abundis argilo, en Egipto abunde kreskadis fragmitoj (*kalamoj*) en Rivero Nilo, Oni faris skribilojn el ili. Krome, la egiptanoj facile trovis metodon pretigi paperon el la sekigitaj kanoj. Do oni faris inkon per miksaĵo de akvo kaj fulgo, kaj desegnis sur papero uzante pintigitan pecon de fragmito. La plej frua plu konservata ekzemplo de prabildoskribo estas sur eburo el tombo en Abydos:



La plej fruaj ĝis nun trovitaj
skribobildoj egiptaj, el Abydos, ĉ. 3400AKE

Same kiel en Ĉinio, malfacilas decidi kiam bildoj iĝis skribsignoj. Sed klaras ke ĉ. 3000AKE vera skribsistemo estis uzata. La plej malnovaj ekzemploj de surpapere skribitaj tekstoj ĝis nun trovitaj estas el proksimume 2600BKE.



Teksto el la Prisse-papiruso, ĉ. 2600AKE



Reĝo (Faraono) Den batas malamikon
Bildo sur eburo, el Abydos, ĉ. 3000AKE

Ĉu la ĉisupra bildo sur eburo havas legeblan signifon, aŭ nur ilustras agon de la reĝo? Pri tio ne eblas precize scii nuntempe.

Ni tamen ja scias ke nelonge poste, simpla ĝenerala bildsimbolaro, el kiu ĉiu bildeto indikis specifajn signifon kaj sonon, iĝis normo en Egipto, kaj de tiam tiu simbolaro restis sbribosistemo. Efektive, la individuaj bildoj reprezentis la konsonantojn de la koncernaj vortoj, tiel ke la bildoj perdis sian laŭsimbolan signifon kaj estis uzeblaj por indiki la prononcon ankaŭ de nebildeblaj konceptoj.

Tre grave por la sekva evoluo de la skribarto estas ke el tiu fakto oni ellaboris la koncepton de *alfabeto*. En mia studo aperonta en *Mirmekobo 10*, mi prezentos la evoluon ekde la egipta konsonant-alfabeto ĝis niaj nun uzataj alfabetoj (la greka, latina, cirila, kc.).

Ankaŭ grave estas scii ke la egiptaj hieroglifoj ***ne indikis vokalojn***. Kiam en libroj, disertacioj, kc. oni legas, ekzemple, ke la egipta vorto por "suno" estis *ra*, tio estas nekorekta. La konsonanto *r* ja estis parto de la egipta vorto. Sed enmeto de la vokalo *a* estas moderna invento por prononcigi la egiptan vorton. Kiu(j) vokaloj akompanis la literon *r* en la antikva egipta prononco de la vorto estas tute nesciate. (Pro lingvistika esplorado de tio, ni estas nuntempe preskaŭ plene certaj ke "ra" *ne* estis la sono de la egipta vorto en la antikvegipta epoko.)

## ALIAJ REGIONOJ

Simila uzado de bildoskribo kiu iom post iom iĝis bildalfabeta sistemo ankaŭ troviĝis en aliaj partoj de Azio, Eŭropo, kaj la Amerikoj. Pri tio mi nelonge verkos ankaŭ en mia artikolo en *Mirmekobo* 10.

[Oni povas trovi resumon de la ĉefaj trajtoj de la evoluo de la skribarto ĉe http://www.google.com.au/imgres?imgurl=http://www.flavinscorner.com/1_tartaria_tablets_l.jpg&imgrefurl=http://www.flavinscorner.com/2script.htm&h=178&w=261&sz=17&tbnid=HOyzLzMGQ8neDM:&tbnh=76&tbnw=112&prev=/images%3Fq%3Dtartaria%2Btablets&usg=__TX43dpwKk1v7fLXsWVi4Fw0Gl4k=&ei=dpb7S521McnIcevozcQB&sa=X&oi=image_result&resnum=7&ct=image&ved=0CDMQ9QEwBg] — Jes, longega URL, tamen ĝin provu, ĝi vidigos al vi la koncernan artikolon.

# *Solvo de la Enigmoj sur paĝo 22*

*Divenludo 82:* *La rivereto.*

*Literplekto 01:* *bite*
*ĴURIO*
*biĴUteRIO*

*Divenludo 83:* *La tempo*

*Cerbotiklilo* 24:

**La nombroj estos:**

| | | |
|---|---|---|
| A | = | 9 |
| B | = | 6 |
| C | = | 2 |

| | | | |
|---|---|---|---|
| 2 | 1 | 9 | + |
| 3 | 6 | 0 | + |
| 1 | 1 | 3 | = |
| 6 | 9 | 2 | |

La anstataŭontaj nombroj povas esti nur: 2, 4, 5, 6, 7, 8, 9.

A ne povas esti 2, ĉar ĉikaze B (en la dua kolumno) devus esti 0, kaj tio laŭregule ne eblas.
A povas esti nek 4, nek 5, nek 6 ĉar ĉikaze C estus 7, respektive 8 kaj 9 ĉar, ĉar (en la unua kolumno) B rezultus ducifera, la tuta sumo estus kvarcifera kaj laŭregule tio ne eblas.
A ne povas esti 8: ĉikaze C (en la tria kolumno) estus 1 kaj tio ne eblas, laŭregule.
Do, A devas esti 9: ĉikaze (en la tria kolumno) C estos 2 kaj (en la unua kolumno) B estos 6. Sekve la tuta sumo rezultas ĝusta ĉar (en la dua kolumno) A = 9.

---

*La islanda vulkano*



# RAKONTO

# FRENEZA POŜTELEFONO

de Jadranka Mirić Zaječar (Serbio), la 9an de Marto 2010

La 2a de Marto estas ŝia naskiĝtago. Kion mi faros? Ĉu mi havos sufiĉe da mono por aĉeti taŭgajn donacetojn?" — Multe da demandoj trapasis mian kapom. Estis serioze, ĉar mi povis senti la unuajn simptomojn de kapdoloro. Mi volis ke mi surprizu ŝin. Ŝi volis havi poŝtelefonon, kiel plimulto de ŝiaj geamikoj. "Tamen ŝi estas ankoraŭ knabino!" ekkriis mia memo.

Du pasintajn semajnojn mi pasigis maltrankvile, preskaŭ freneza de ŝveligitaj zorgoj. Hieraŭ vespere mi decidis: "La elekto estos ŝia. Morgaŭ mi demandos ŝin pri ŝia favorato!" Dirite, farite.

"Kara, mia knabino, kion vi volus ricevi, miaflanke, kiel donacon por via naskiĝtago?" preskaŭ unuvorte mi eldiris la demandon.

Ŝi staris apud la lito ĵus vekiĝinte, kun serioza mieno, kaj enigma lipgrimaco: "Mmm..mi aŭdis ion. Ĉu la televido estas enŝaltita? — Mi deziras rigardi mian serion. ... Hodiaŭ oni ne iras en lernejon, ĉu?"

"Kompreneble, ke vi ne vizitas lernejon sabate, dolĉe mi respondis. Mia demando pendis ie en aero. Do, mi decidis ripeti ĝin. "Kara, Ana, ĉu vi ne aŭdis mian demandon? Mi petas vin, bonvolu respondi."

"Panjo, iru en la kuirejon. Paĉjo vokas vin. … Nu, iru, eble li bezonas vin urĝe!" diris Ana rigardante min kun duonfermitaj okuloj, kvazaŭ ŝi rigardus tra binoklo. Ŝiaj longaj brunharoj falas malorde, malsupren laŭ la dorso, kvankam ŝi kunligis la hararon per granda ruĝeta maŝo sur la kapo. Ŝiaj manoj estis kaŝitaj malantaŭe, sed mi rimarkis ŝiajn fingrojn ludantaj kun longaj haroj. Ŝi estis ekscitita kaj apenaŭ retenis vizaĝan seriozecon.

"Bone, mi iros vidi kion diros paĉjo, kvankam mi ne aŭdis lin voki min" mi respondis paceme. Estas bone, ke mi unue renkontu mian edzon. Eble li ion scias, kontente mi ekpensis, enirante la kuirejon. Je mia surprizo li malĉeestis tie. Mi rigardetis je ĉiuj anguloj de la loĝejo sed neniun mi trovis.

Tiam mi aŭdis konatan melodion. De kie venas tiu melodio? La muziko laŭtiĝis pli kaj pli. La pordo de la kuirejo malfermiĝis. Fine mi vidis maneton de Ana, tenanta poŝtelefonon. "Jen, surprizo!!!" ekkriis Ana. "Panjeto, jen mia favorata donaco. Paĉjo aĉetis ĝin dum sia lasta vizito al karaj geavoj. Ili donis la bezonatan monon, kaj li aĉetis ĝin laŭ ilia peto. Nun, ne nur ili povas paroli kun mi sed ankaŭ vi. Ne plu vi estos zorgoplena pri kie mi estas, se mi malfruas reveni hejmen, post lernejaj horoj", senspire, gaje deklamis ŝi ĉion.

Mi estis surprizita sed gaja, kaj sentiĝis mi kvazaŭ falus ŝtonego desur mia koro. La problemo estis solvita, kaj post ĉio ni povis festi kaj dolĉigi per bongustaj kuketoj kaj per torto korforma[1], kun ŝia nomo sur ĝi. Nepre mi fotos ĉion.

Pasis ĝis tiam kelke da tempo. Estis bela vintra tago. Suno leviĝis frue, kaj mateno promesis esti suna kaj alloga por skiado aŭ sledado. La ekstera temperaturo altiĝis ĉiun horon. Sur ĉielo nek unu nubeto.

Estis ĉirkaŭ la dua horo posttagmeze. Ana revenis hejmen feliĉa: “Panjo, mi iros daŭre sledi kun lerneaj geamikoj. Mi ŝanĝos tiun bluan vintran jakon. Malpurigis mi ĝin per frukta suko” atentigis Ana min, imitante iom ŝerce, iom serioze, la patron.

“Dankon, mi komprenis, via moŝto. La kialo pravigita. Mi tuj lavos ĝin, ne estu tro zorgoplena”, ŝercis ankaŭ mi kun ŝi.

Fulmorapide ŝi forlasis la loĝejon kaj ekkuris al bela, neĝoblanka Kraljevica Arbarparko, kie troviĝas skiterenoj. Do, mi restis sola. Rapide mi malplenigis la poŝojn de la jako, kaj metis la jakon en la lavmaŝinon. Post iom da tempo, mi sidiĝs ĉe komputilo kaj ektajpis retajn mesaĝojn. En la loĝejo mallaŭte aŭdiĝis muziko el radio kaj mia enua komputila klakado.

Subite forta penso malkvietigis min. Mi devos telefoni Anan. Tute mi forgesis diri al ŝi pri nia komuna vizito al nia najbarino, je la sesa vespere. Ŝi certe revenu hejmen, por ke ni ne malfruiĝu. Jes, certe mi voku ŝin telefone. La sono klare aŭdiĝis. Mi estis surprizita. Soniĝis forte en la loĝejo, sed kie, mi ne sciis. Malfermis mi la eksteran pordon, pensante ke iu staras malantaŭ la pordo. Neniun mi vidis, kaj la bruo ankoraŭ aŭdiĝis. Iom post iom mi trankviliĝis provante difini el kiu direkto venis la sono. Tiam ekpaŝis mi laŭsone en la lavejon. En la sama momento mi aŭdis kaj ekvidis la poŝtelefonon de Ana ene de la lavmaŝino! Ĝi sonoregis kvazaŭ kriaĉante por helpo. Evidente vokoj povas panei pro diversaj kialoj, sed tiun ĉi nenio povas damaĝi. Necesis haltigi la lavmaŝinon, elŝaltante ĝin momente. Feliĉe, la akvo jam forfluis kaj la pordeton mi facile malfermis. La poŝtelefono ankoraŭ kriaĉis. “La aparato brile funkciis” ekflustris mi feliĉa. Sur ĝia ekrano ruliĝis la surskribo: “Panjon vokas Ana. Anoncu vin!”




1. Torto/kuko: En Serbio plej popularas por naskiĝtagoj specifa speco de kuko: konata kiel “Kuko Vasa” aŭ “Kuko Vasina”.

# La Mirmekobo



Kiel besto, la Mirmekobo (*Myrmecobius fasciatus*) estas preskaŭ elmortinta en sia indiĝena teritorio. Sed en sia revua formo, ĝi estas internacie havebla senpage, kaj ni esperas ke vi enhejmigos ĝin, nutros ĝin per viaj legado kaj kontribuo de enhavo, kaj ĝuados ĝin.

Adreso por ĉiuj komunikaĵoj, por peti ekzempleron aŭ por peti abonon, kaj por sendi kontribuaĵon:

mirmekobo@mac.com

Abono al la revuo estas senpaga. Ĉar neniuj surpapere presitaj ekzempleroj ekzistas, neniu preskosto ekzistas. Se vi deziras mem per via komputila presilo presi ekzemplero(j)n, por vi mem aŭ por aliaj, tion vi rajtas fari laŭdezire kaj senpage.

La revueto Mirmekobo estas sendependa, kaj subtenas neniun ismon. Artikolojn povas kontribui iu ajn. Tre bonvenaj estas literaturaĵoj: noveloj, poemoj, prozaĵoj iaspecaj; esprimoj de vidpunkto; historiaĵoj; prezento de interesaj hobioj; biografiaĵoj, aŭtobiografiaĵoj; legendoj, mitoj… Bildoj, ĉu fotoj, ĉu desegnaĵoj, ĉu klarigaj, tre bonvenos. Reklamojn, anonc(et)ojn, propagandon, lingvajn studojn aŭ kritikojn, pornaĵojn, Mirmekobo malakceptas. La redaktoro rajtas akcepti, modifi, aŭ malakcepti ian kontribuaĵon, kiun li opinias malkonforma al la karaktero kaj reputacio de la revueto. Korektojn evidente bezonajn li rajtas fari, konsultinte la verkinton.



Malnovaj numeroj de *Mirmekobo* troviĝas ĉe www.gazetejo.org/mirmekobo kaj ankaŭ ĉe la retejo de la redakcio:

http://web.me.com/donbroadribb1/
Redaktoro: Donald Broadribb